# La GAZETO de la XXIV[a] UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Parizo : 30[a] Julio - 6[a] Aŭgusto 1932

Ĉefredaktoro : Raymond Schwartz
Teknika Direktoro : L. N. Newell

Adreso de la Redakcio :
LA MAISON DE FRANCE
101, Av. des Champs-Élysées
PARIS-VIII[e]



Nepresitajn manuskriptojn la Redakcio resendos, nur se ili estas akompanataj de respondkuponoj por la afranko.

## LA MIGRA PUNKTO

Ĝi estas la migra punkto, ĉar fakte ĝi migras — eble sen-sisteme sed persist-eme — de unu kongreso al alia. Sed vi poste vidos, ke oni povus ĝin nomi ankaŭ la nigra punkto. Senripoze ĝi persekutas nin, perforte sin trudas sur la tagordon, kaj se niaj potenculoj ŝajnigas ĝin ignori, ĝi brue proklamas sian civitrajton inter nia popolo. Tiam murmuro kaj grumblo laŭtiĝas tra la sennoma armeo de l'Esperantistaro. Ĉu vi ne rekonas ĝin ? Ĝi estas la problemo de l' organizado.

Jam en Bulonjo-sur-Maro, okaze de l' unua kongreso, ĝi ĉeestis. Tiuepoke ĝi aperis kiel modesta detaleto, ĉar la familia rondo ne estis granda ; arda entuziasmo kaj lirika harmonio tiam valoris pli ol duonfunto da statutaj paragrafoj. Sed intertempe la familio kreskis, kreskadis. La unuaj fratoj, maturiĝintaj, edziĝis diversflanken, fondis novajn hejmojn, naskis idojn, kiuj ankaŭ siaflanke fariĝis sendependaj kaj multobliĝis tiom, ke hodiaŭ la dissemitaj kuzoj kaj subkuzoj ne plu konas sian propran genealogion. En Helsinki oni provis reordigi ĉion. Sed tie oni sukcesis starigi nur kontrakton, ne kontakton.

La murmuro kaj grumblo ne ĉesis. Fakte, estas malfacile kontentigi ĉiujn gustojn. Kaj niaj potenculoj prave konsilas : « Agordu la gustojn, ho knara fratar' ! » Volonte, ni estas pretaj. Sed ĉu agordi ne signifas antaŭ ĉio : agi orde ?

Do, unue estu klareco pri la voĉdonrajto, klareco kaj egaleco. Ne labirinto de teknikaj komplikaĵoj, sed rektaj, lumaj vojoj. Tiel longe, kiel unu partio povos tute sola per sia teoria pezo silentigi ĉiujn dezirojn de efektiva plimulto, ni havos nur kriplan konstitucion.

Kiom da energio ni devos ankoraŭ malŝpari ? Ĉu tiu demando pri la reorganiza problemo disigos nin eterne kaj malebligos por ĉiam utilan, komunan laboron ? Ĉu vere oni neniam alvenos al kontentiga solvo ? Preskaŭ ses monatoj

restas ĝis la Kongreso. Sufiĉa tempo por aranĝi sukcesan laboron. Reformprojektoj ne mankas. Ĉu ne estas eble prepari sanan bazon, simplan kaj klaran, sur kiu ĉiuj reprezentantoj de l' Esperantistaro, havante laŭproporcie samajn rajtojn, konsentus diskuti amike, kiel decas al fratoj de sama familio ?

Ho miaj bonaj geamikoj, ni permesu al niaj himnopoetoj sin inspiri senretene de tiuj du bonaŭguraj rimoj « Parizo-Organizo ». Kaj nia nunjara kunveno restos kiel brilanta dato en nia historio. Oni lasu nin elekti libere kaj tiam ankaŭ malaperos definitive la migra nigra punkto. Kaj tiuj radikoj *murmur'* kaj *grumbl'* ne plu havos tiun ĝenan signifon, kiun ili neniam devus havi en ideala internacia lingvo, ĉar aŭdeble ili estas esence tro u-sonaj.

R. S.

# Lastmomenta

# Sciigo

LA PREZIDANTO
DE LA FRANCA RESPUBLIKO
HONORAS LA KONGRESON

Kun granda plezuro ni sciigas al la Esperantistaro, ke s-ro PAUL DOUMER, la Prezidanto de la Franca Respubliko, afable akceptis la Honoran Prezidantecon de la Patrona Komitato de la XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto.

# Nediskretaj Rimarkoj

## BRIAND KAJ ZAMENHOF

EN la momento, kiam ĉi tiu artikolo estis skribata, granda funebro malgajigis la tutan mondon. Mortis homo, kies nomo estas intime ligita al la ideo pri Paco, pri Homamo, pri Tuteŭropa Civito. Kvankam lia agado ne sekvis samajn vojojn kiel tiuj de la Esperantistoj, li tamen servis la saman altan idealon, kiu gvidas ankaŭ nin.

Por ĉiu sincera Esperantisto la morto de Briand estis certe same doloriga kvazaŭ temus pri iu el niaj plej amataj gvidantoj. Kaj konvenas, ke ni, pacaj batalantoj, disĉiploj de alia pasia amanto de l' Paco, klinu la kapojn super la freŝa tombo.

Kaj en tiu ĉi momento estas eble interese rememorigi, por niaj novaj samideanoj, kiuj ne konas la Zamenhofan filozofion, tiujn trajtojn, kiuj en ĝi estis antaŭanoncantoj de la nova postmilita akcelado pri la organizo de l' mondo kaj kiuj tiel mirinde parenciĝas al la ideoj de Wilson kaj de Briand.

La origino mem de Esperanto klare evidentiĝas en tiuj paroloj de nia Majstro, eldiritaj de li dum la malferma parolado ĉe la II-a Universala Kongreso en Genève : « Ni ĉiuj konscias tre bone, ke al laborado por Esperanto instigas nin ne la penso pri praktika utileco, sed nur penso pri la sankta, granda kaj grava ideo, kiun lingvo internacia en si enhavas. Tiu ĉi ideo — vi ĉiuj sentas ĝin tre bone — estas frateco kaj justeco inter ĉiuj popoloj. » Jen estas idea fonto, el kiu elŝprucis tiel forte kaj tiel fervore la lingvo Esperanto.

Sed tiu « Esperantismo » estis en la unuaj tempoj sufiĉe nedifinita sento. Iom post iom ĝi konkretiĝis kaj enkorpiĝis en sian definitivan formon. Ĝi fariĝis : « Homaranismo ». Efektive, formetinte de si ĉian oficialan rolon en Esperantujo, d-ro Zamenhof, de nun tute libera, publikigis en majo 1913 « Deklaracion pri Homaranismo », kiun li prezentis kiel ekskluzive sian personan kredon.

Tiun Deklaracion devus mediti ĉiu Esperantisto. Ne estas loko en ĉi tiu artikolo por citi ĝin. Mi nur atentigas pri la eksterordinara simileco de tiu dokumento al la ĉefaj temoj, kiuj kondukis al la « Ligo de Nacioj » kaj al ĉiuj klopodoj dum la lastaj jaroj de Briand. Jes, la lasta periodo de l' aktiveco de Briand estis — sur skalo multe pli granda pro la funkcioj, kiujn li okupis — servo al la sama alta ideo, kiu priokupis ĉiujn momentojn de Zamenhof. Kaj se Briand ne sukcesis atingi tute sian celon, kulpa estas nur la homa nekomprenemo, same kiel ĝi estas kulpa pri la malfacilaĵoj, kiujn renkontas la penadoj de la Esperantistaro. Sed nepre kaj certe ambaŭ movadoj, tiel proksimaj, tiel sinkompletigantaj, venkos malbonan kaj maljustan kontraŭstaron de l' blinda homaro. Dume, ni kunigu en nia profunda respekto la memoron pri nia Majstro kaj tiun pri Briand.

JOSEPH NELS.

# MINISTERIO « POR LA PROGRESO »

[*La aŭtoro de tiu ĉi artikolo, s-ro Ernest Archdeacon, estas bone konata de ĉiuj Esperantistoj. Li jam antaŭ tre multaj jaroj akiris famon kiel pioniro de la aŭtomobilo kaj de la aeroplano, kaj kiel malavara subtenanto de aliaj pioniroj de tiuj sciencoj. Li lernis Esperanton en 1908, la jaro kiam s-ro Farman (kiu ankaŭ estas Esperantisto) faris cirklan unukilometran flugon, tiel gajnante la premion Deutsch-Archdeacon de 50.000 fr. Jam de la komenco li estas senlaca propagandisto kaj subtenanto de la Esperanto-movado, kaj okupis multajn gravajn oficojn, interalie prezidantecon de la Pariza Esperanto-grupo kaj Societo Franca por la Propagando de Esperanto. Li estas unu el la fondintoj kaj nuna Prezidanto de la Maison de l'Esperanto. Por kompreni lian nehaltigeblan laboron, estas interese noti, ke li komencis prilabori la aŭtomobilon kun Serpollet jam en 1889, kaj en 1890 posedis la unuan propran aŭtomobilon.* — LA REDAKCIO.]

TUTE hazarde, tralegante la enciklopedion Larousse, mi okaze vidis historion pri tre originala propono de la fama politikisto socialista, Louis Blanc, pledanta por la kreado de Ministeria Organizaĵo por la Progreso. Sed tiu bonega ideo neniam estis realigita.

Iam Chateaubriand skribis, ke « la literaturistoj, kiuj antaŭas siajn samtempulojn, estas ĉiam miskonitaj. »

Tiu ĉi aserto, vera por la literaturistoj, estas ankoraŭ multe pli vera por la scienculoj kaj inventistoj. Tiuj ĉi preskaŭ ĉiam bezonas helpon por diskonigi kaj eksperimenti siajn elpensaĵojn; la eventualaj helpantoj (ĉu la ŝtato, ĉu privataj personoj) devas esti incitataj de la publika opinio, kaj la publika opinio siaflanke ne ekmoviĝas sen trafantaj pruvoj pri la efiko kaj profitigo de la elpensaĵo. Tio estas, kompreneble, neelirebla rezonrondo, kaj okazas plej ofte, ke iuj fanfaronemaj ĉarlatanoj sukcesas elveki la intereson pli ol vere meritplenaj homoj, ĝenerale tro modestaj kaj nekapablaj sufiĉe glorigi sin por venki la publikan skeptikecon.



Ĉe ĉiuj nacioj oni povus citi are la inventistojn tute miskonitajn dum sia vivo; kaj estas certe, ke multegaj mirindegaj eltrovoj malaperas kaj mortas neekspluatitaj, tiel okazigante plej gravajn perdojn al la tuta homaro.

Praktike, la novaj progresoj renkontas des pli da malhelpoj kaj bariloj, ju pli ili estas gravaj.

Se « mi » eltrovas novan ilon multe perfektigantan la produktkvanton en iu industrio, mi havas, kiel kontraŭulojn, la fabrikistojn, al kiuj mi altrudas la ŝanĝon de ilia ilaro, kaj la laboristojn, kiuj timas, ke tiu nova maŝino ilin maldungigos el iliaj laborejoj, k. t. p.

Do, la « Ministro de la Progreso » devus havi tiun belegan taskon : ne kolekti monon, sed kontraŭe, ĝin inteligente disdoni por ĉiuspecaj progresoj, kies alpreno repagus centoble al la lando la sumojn de ĝi elspezitajn.

Ni vidu la ekzemplon de Esperanto : La mondo suferas nekredeblajn malfacilaĵojn pro la komercaj interŝanĝoj. Oni ĉiam forgesas, ke ekzistas pli ol mil malsamaj lingvoj en la mondo, kaj ke la mirindaj progresoj de la moderna transportado pli kaj pli faciligas ĉiujn interŝanĝojn inter la plej diversaj nacioj. Multaj necivilizitaj popoloj en Afriko, Azio, k. t. p., fariĝas pli kaj pli alireblaj por la varoj de civilizitaj nacioj.

Do, kiam ni, Esperantistoj, diras al niaj samlandanoj : « Lernu do Esperanton, ĉar vi povos utile kaj agrable interrilati kun ĉiuj loĝantoj de nia planedo », ili preskaŭ ĉiam respondas : « Ne, mi ne volas riski neutilan laboron. Mi lernos Esperanton, kiam sufiĉe granda nombro da diversnaciaj homoj estos ĝin lernintaj ; tiamaniere mi estos certa eltiri praktikan profiton el tiu lernado. » Kaj la aliaj alilande rezonas same.

Cetere, ili aldonas ankaŭ, ke ni ne estas sufiĉe multenombraj ĝis nun por ke la ĝenerala alpreno de Esperanto estu certa. Kaj, sekve, ili volas atendi. Ili atendos por ĝin lerni, ke la deviga instruado de Esperanto estu dekretita en ĉiuj lernejoj de l' mondo. Kaj niaj politikistoj, fakte superŝutitaj de diversaj ĉiuspecaj okupadoj, tute ne volas eluzi ian ajn tempon pri la studado de tiu lingvo, kies sukceso estas ankoraŭ duba.

Tio ŝajnas nekredebla, kiam oni konstatas, ke du horoj da studado estas plene sufiĉaj por kompreni la mirindan taŭgecon kaj facilecon de la lingvo Esperanto.

Do, se la ministerio de mi sugestita estus morgaŭ kreita, niaj regantoj devus doni al la ministro la taskon, zorge studadi la demandon pri la internacia lingvo. Ili petus de li raporton pri ĝiaj kvalitoj, facileco, uzebleco, nuna disvastigo, estonta disvastigebleco, k. t. p. La ministro, kompreneble, devus tuj elekti komisionon inter la plej kleraj lingvistoj, sciencistoj, k. t. p., kiujn li malavare pagus por fari tiun studadon. Estas neniu dubo, ke tiu komisiono, post ses monatoj maksimume, alportus plej favoran raporton, kiu nepre konvinkus la plej obstinajn skeptikulojn.

La tre malmultaj intelektuloj, kiuj konsentis ekzameni la aferon, estis tuj entuziasmigitaj. Mi citas, ekzemple, la eminentan sekretarion de la Ligo de Nacioj, Sir Eric Drummond, kiu faris por ĝi en la jaro 1922 plej elokventan raporton pri Esperanto, kiu povas kaj devas esti eltirita el la arkivoj de la Ligo. El ĝi rezultas, ke preskaŭ ĉiuj landoj estus pretaj oficialigi la movadon, ĉiuj ŝajnante atendi, ke iu grava nacio donu la signalon por la deviga instruado de Esperanto en siaj naciaj lernejoj.

Kelkajn monatojn antaŭe, en 1921, la Pariza Komerca Ĉambro estis eldoninta plej favoran raporton, decidante la nedevigan instruadon de Esperanto en siaj lernejoj kaj energie petante la ĝeneralan instruadon de Esperanto en la mondo.

Kvardek membroj de la franca Scienca Akademio faris voĉdonon tute similan ; kaj, tute freŝdate, la Urba Konsilantaro de Lyon, sub la instigo de sia eminenta prezidanto Ed. Herriot, ankaŭ plej energie voĉdonis *por la deviga instruado de Esperanto en la tuta mondo.*

Oni do vidas, ke nur malgranda oficiala impulso estus sufiĉa por firmigi kaj kompletigi nian sukceson en la mondo.

Nia venonta kongreso en Parizo estos speciale taŭga oportunaĵo, ebliganta, ke ĉiuj homoj — ne obstine blindaj — malfermu fine siajn okulojn al la lumo.

Laŭ antaŭaj spertoj ni povas antaŭdiri, ke ni kunigos tie 5.000 kongresanojn ambaŭseksajn, reprezentantajn ĉirkaŭe 50 naciojn, kaj ke niaj publikaj diskutoj elvolviĝos kun la sama precizeco kaj klareco kiel en iu ajn nacia kongreso. La tedaj, devigaj tradukoj tute longigas kaj malvigligas la diskutojn de la Ligo de Nacioj; kaj tiu ĉi devus sendi ĉe ni spertajn observantojn, kiuj certe montros al ĝi, kiel la alpreno de universala lingvo en internacia kunveno mirinde simpligas la aferojn.

Iamaniere, la sukceso de la Esperanta internacia lingvo, pli malpli baldaŭ, estas certa; ĉar ĝi estas la plej bela ekzemplo de tipunuigo. Ĝi ankaŭ mirinde solvas la problemon de la minimuma penado, kiu regas la tutan mondon.

Ĝia estonta sukceso estas tiel neevitebla kiel la direkto de iu akvofluo, kiu nepre sekvas la plej grandan deklivon al ĝi prezentitan.

Ernest Archdeacon.

# NIA TITOLO

La titolo de tiu ĉi numero de la *Gazeto de la XXIV-a* estas kompostita en la karaktero Nicolas Cochin. Tiu karaktero estas desegnita de s-ro Georges Peignot (kiu desegnis ankaŭ la karakteron Garamond de nia lasta numero), laŭ literoj uzitaj de Nicolas Cochin, tre fama franca gravuristo de la XVII-a jarcento, por la subtekstoj de kuprogravuraĵoj.

Tiu redesegnado, kiel ĉe la karaktero Garamond, postulis longan studadon por kapti la karakterizan kvaliton de la originalaj, diversformaj literoj, samtempe konservante regulecon sen monotoneco. La rezulta karaktero estas tiom bela kaj ŝatata, ke preskaŭ ĉiuj gravaj fandejoj de la mondo aĉetis la rajton ĝin reprodukti. La titoloj de la artikoloj en tiu ĉi gazeto estas kompostataj en la karaktero Nicolas Cochin.

La komposton kaj kliŝigon de nia titolo faris la fandejo Deberny & Peignot, kiu eldonas la karakteron.

## Katolika Pilgrimo

Tuj post la XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto, okazos en Lourdes la 16-a Internacia Kongreso de Katolikaj Esperantistoj. Certe tre multaj gesamideanoj deziros partopreni tiun pilgrimon kaj belegan vojaĝon. Interesatoj bonvolu skribi por pluaj detaloj al f-ino M. Larroche, 55, rue de Vaugirard, Paris-VI, Francujo.



# Sidejoj de la Kongreso

La Loka Kongresa Komitato en sia serĉo por taŭgaj sidejoj por la Kongreso estis tre bonŝanca. Unue, per la helpo de s-ro André Baudet, tiama Prezidanto de la Pariza Ĉambro de Komerco, oni



LA MAISON DE FRANCE

sukcesis havi la konsenton de la franca *Office National du Tourisme* (Nacia Turisma Oficejo), ke ĝia domo, la *Maison de France*, estu ankaŭ la oficiala sidejo de la L. K. K. La *Maison de France* estas tute nova, kaj estas tre bela kaj interesa specimeno de la plej moderna franca arĥitekturo.

Due, la L. K. K. sukcesis lui por la Kongresa semajno la tuton de la *Maison de la Mutualité*.



LA MAISON DE LA MUTUALITÉ

Ankaŭ ĉi tiu domo estas tute nova, kaj estas speciale konstruita por kongresoj. Krom tre multaj grandaj ĉambroj, ĝi enhavas teatron (2.400 sidlokoj), du balsalonegojn, diversajn lekciejojn, kaj kafejon. La arĥitekturo, ekstere kaj interne, estas tre bela kaj taŭga por la celo de la konstruaĵo.

# REMEMOROJ PRI PARIZO

KIAM mia amiko, la Ĉefredaktoro, petis min verki pri miaj Parizaj travivaĵoj, mi pensis, ke li certe kredas unu el du aferoj : aŭ, ke mi estas tre virta viro, aŭ ke la legantoj havas tre maturajn mensojn! Kompreneble, povas esti, ke li pravas en ambaŭ aferoj ; certe oni devas esti maturmensa por profiti iujn okazojn por artaj studoj pri la virina formo, kiujn prezentas la franca ĉefurbo, sed samtempe oni povas en tiaj medioj resti virta laŭ la plej netaj kriterioj de l' monaĥejo !

Ĉu neterecaj ? Eble tia adjektivo ne tute taŭgas. Antaŭ miaj okuloj kuŝas verda karto, surhavanta verdan katon sur unu flanko, sur la alia manskribitan tekston :

« Al nia angla samideano Sturmer, kiel memorigilon por ke li estu ĉiam soifa, ni donacas *senpage* la fotografaĵon de la verda besto. » Sekvas subskriboj : Raymond Schwartz, Marga Rineta, René Dubois, Paul Echard, Jean Marchand. Tio estis en la jaro 1924.




LA FAMA « MOULIN ROUGE »
ANTAŬE UNU EL LA PLEJ FAMAJ KABAREDOJ DE MONTMARTRE, NUN VARIETEJO

Ĉiuokaze, se dum miaj lastaj vizitoj al Parizo miaj interesoj estis plejparte homecaj, pri la viroj kaj virinoj sur la stratoj kaj la belaj infanoj en la parkoj, kaj se dum miaj unuaj vizitoj mi havis precipe intelektan intereson, pro kiu mi esploris ĉiun malnovan preĝejon, antikvan domon, historian monumenton, trempante min en pasinta franca historio kaj kulturo, tamen intertempe mi havis sufiĉe da Esperantistaj aventuretoj, pri kiuj mi povas paroli. Malsimile al Germanujo kaj aliaj landoj, kie mi dependas lingve je la sindonemo de kunlaborantoj Esperantistaj, Francujo estas por mi medio ne tute fremda, tial ke mi iomete posedas francan lingvon kaj kulturon ; kaj tial miaj kontaktoj en Parizo pere de Esperanto estis pure amikaj, nepraktikaj, eĉ neterecaj.

Jes, estas vere, ke en aŭgusto de tiu jaro iu tre timema junulo balbutanta Esperanton kun la plej abomena angla akcento kuraĝaĉis eniri la sanktan ejon de la Verda Kato ; kaj ne nur oni ne tuj mortigis lin ; oni eĉ bonvenigis lin, eĉ oni regalis lin per bonega ĉampano, kiun li trinkis unuafoje en sia vivo, eĉ oni afable gvidis lin en malluma, frua mateno, tra la mallarĝaj kvartalaj stratoj, al lia eta hotelaĉo en apuda strato Poissonnière.

Ha, karaj geamikoj de tiu tempo, de tiam mi iĝis malpli timema ; mia akcento, kvankam ankoraŭ tre angla, estas multe malpli abomena ; kaj mi kutimiĝis al multe malpli aĉaj hoteloj, eĉ al sufiĉe luksaj ; tamen mi ofte revas kun eta sopiremo al tiu tempo, kaj pensas pri feliĉaj horoj de babilado kaj vagado !

Estis en tiu sama jaro, ke s-ro Gervois multe

gvidis min kaj konatigis min al samideanoj el multaj landoj. S-ro Gervois tiutempe estis estro de libro-magazeno en la strato Lille, apud la suda flanko de la Seine, kaj en lia oficejo mi babiladis kun s-ro Azorin (nuntempe deputito en la hispana parlamento) kaj lia ĉarma edzino el Cordoba, kaj kun multe da parizaj Esperantistoj. En tiu tempo s-ro Jadot ofte akceptis min en sia oficejo, kaj kun s-ro Belhoste mi renkontis ĉe stacidomo Esperantistojn el aliaj landoj. S-ro Marcel Dény gastigis min en grandbulvarda restoracio, policaj Esperantistoj Tison kaj Miguière salutis min sur la strato, vidante mian verdan stelon. Ankaŭ en multaj kvartaloj. Mi memoras pri la plaĉa hotel-eto de la strato Racine, apud bulvardo St-Michel, kie mi loĝis kun literaturema amiko Sullivan, kun kiu mi esploris la librobudaron de la rivero Seine kaj la ravan preĝejeton St-Julien-le-Pauvre. Kun amiko Grenkamp mi bonhumore argumentis en Pariza turka moskeo, pri la literaturo, kaj pri la vivo en bulgara restoracio de la Latina kvartalo. Kun Raymond Schwartz kaj L. K.-ana pola amiko Kostecki (jes, ankaŭ respektindajn amikojn mi havas, eĉ L. K.-anojn!) mi ŝercis en « artefarita » lingvo en kafejoj Graff kaj Cyrano de la kvartalo Montmartre. En apartamentoj de gesinjoroj



LA URBDOMO DE PARIZO

tiu tempo mi frekventis la manĝejojn de Esperantistoj de mia propra klaso, bonkoraj metiistoj kaj revoluciuloj de vegetaraj restoracioj en strato Mathis, kaj poste en strato Bobillot.

En tiu tempo la babilado en nia kara lingvo ne estis por mi la banalaĵo, kiu ĝi poste iĝis, kiam mi vojaĝis en malproksimaj landoj, Hungarujo kaj Polujo, en jaroj kiam mi iĝis oficiala kaj pagata lektoro de nia lingvo en Londono, kaj tiel plu, kaj tiel plu. Ne, tiutempe la babilado en Esperanto kun amikoj alilandaj estis io nova kaj ĝojiga, ankoraŭ mirakla; kaj ĝuste, ĉar plejparte tiaj babiladoj okazis en Parizo, ĉiam por mi la franca ĉefurbo havos aparte ŝatatan lokon en mia Esperantista memoraro, lokon kiun recenzisto Sturmer same ne tuŝos, kiel tiu analiza Drezen, kies laboron mi tiom admiras.

Kaj nun, kiam mi skribas pri Parizo, premas sin en mian menson amaso da memoroj pri gajaj horoj en muzikhaloj, vodvilejoj, kafejoj de Schwartz kaj kelkaj aliaj simpatiaj geedzaj amikoj mi aprezis francan vinon kaj francan kuiradon. Kaj en unu tre eta hotelo de antikva malriĉa strato malantaŭ la urbdomo de Parizo... sed sufiĉon; tiu hotelo ne estos sur la listo de l' Kongreso, eble, pro la multa detruado kaj modernigo en tiu kvartalo, ĝi eĉ ne plu ekzistas en efektivo, nur en mia memoro pri belaj horoj de la vivo.

Dum la lastaj jaroj mi vizitis Parizon malofte, plejofte survoje al amikoj en okcidenta urbo Le Mans; sed ĉiam mi kaptis kelke da horoj por ree promeni ĉirkaŭ amataj lokoj, la Hôtel de Sens kaj la preĝejo St-Séverin, kaj por revidi malnovan amikaron de l' urbo, kiu restas ĉiam anima hejmo mia, kie, same kiel mia amiko Newell, mi trovas ĉiam mian koron.

K. R. C. Sturmer.

# LA XXIVA UNIVERSALA KONGRESO

Parizo, 30 Julio — 6 Aŭgusto 1932

## OFICIALAJ SCIIGOJ

**Oficiala Invito :** La Kongreso okazos en Parizo laŭ oficiala invito de la Ĉambro de Komerco de Parizo, sendita al la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado.

**Loka Kongresa Komitato :** Prezidanto, Georges Warnier ; Vic-Prezidanto, Int.-Gen. Louis Bastien ; Kasisto, Lucien Tuleu ; Ĝenerala Sekretario, L. N. Newell ; Help-Sekretario, Jean Marchand.

Komitatanoj : Jean Couteaux, René Dubois, Maurice Duperrey kaj Célestin Rousseau.

**Kongresa Oficejo** *(adreso por ĉiuj korespondaĵoj)* : La XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto, La Maison de France, 101, avenue des Champs-Elysées, Paris-VIII.

**Banko :** La Société Générale (agence K), Paris (Konto N° 10.115). Ĉekoj estu pagotaj al la « XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto. »

**Poŝtĉeka Konto :** El multaj landoj estas plej oportune pagi sian kotizon per poŝta ĉeko. Oni adresu al « XXIVe Congrès Universel d'Esperanto, Paris 1647-59. »

**Fakaj Kunvenoj :** La L. K. K. konsentis kunvenojn de la jenaj fakoj :

Internacia Scienca Asocio Esperantista (organizanto : s-ro C. Rousseau, Maison de l'Esperanto, 3, boulevard Pasteur, Paris-XV).

Universala Pacifista Ligo (organizanto : s-ro Einar Dahl, Uddevalla, Svedujo).

Internacia Asocio de Esperantistaj Stenografistoj (organizanto : I. A. E. S., 9, boulevard Voltaire, Issy-les-Moulineaux (Seine), Francujo).

**Loĝejoj :** La L. K. K. organizas servadon pri hoteloj kaj aliaj loĝejoj. La kategorioj kaj prezoj por hoteloj estas jam fiksitaj laŭ la sekvantaj detaloj :

Kategorio A :

Ĉambro kun unu lito por unu persono : po ĉambro 35 fr.

Ĉambro kun unu lito por du personoj : po ĉambro 55 fr.

Kategorio B :

Ĉambro kun unu lito por unu persono : po ĉambro 30 fr.

Ĉambro kun unu lito por du personoj : po ĉambro 45 fr.

Kategorio C :

Ĉambro kun unu lito por unu persono : po ĉambro 25 fr.

Ĉambro kun unu lito por du personoj : po ĉambro 35 fr.

Kategorio D :

Ĉambro kun unu lito por unu persono : po ĉambro 20 fr.

Ĉambro kun unu lito por du personoj : po ĉambro 30 fr.

La supraj prezoj enhavas servadon (trinkmonon) kaj impostojn.

La hoteloj en Kategorioj A kaj B estas luksaj ; tiuj en Kategorio C estas modestaj sed komfortaj ; kaj tiuj en Kategorio D estas simplaj. En ĉiuj la kongresanoj povos esti certaj pri pureco kaj bona servado.

En Parizo, precipe en la pli malmultkostaj hoteloj, estas tre malmultaj ĉambroj kun du unupersonaj litoj ; sekve la L. K. K. ne povas fiksi prezojn por tiaj. Se du kongresanoj tamen deziras tian ĉambron, la L. K. K. faros sian eblon por ĝin trovi, sed ne povas garantii. Mendante tian ĉambron, oni pagu kvazaŭ por du unupersonaj ĉambroj ; se eventuale la sumo estas troa, la L. K. K. resendos la diferencon.

La hoteloj estos kiel eble plej proksime de la Kongresejo en la Latina Kvartalo ; ju pli frue oni mendos sian ĉambron, des pli proksime de la Kongresejo oni loĝos.

La mendilojn por ĉambroj la L. K. K. dissendos post kelkaj semajnoj, kiam la prezoj por loĝado en komunaj dormejoj estos fiksitaj.

La L. K. K. klopodas por trovi komunajn dormejojn en lernejoj, k. t. p., kaj anoncos kondiĉojn kaj prezojn baldaŭ. Intertempe, ĝi povas jam disponi pri tridek ĉambroj en la *Palais de la Femme* (Palaco de la Virino), granda hotelo de la Savarmeo, por virinoj aŭ knabinoj. La loĝado estas tre simpla, kaj la enloĝantoj devas reeniri la domon iom frue vespere, sed la prezoj estas tre moderaj : 7 fr. 50 po nokto kaj po persono. Ĉiu persono havas apartan ĉambreton. La L. K. K. lokigos en tiuj ĉambretoj la unuajn petantojn laŭvice, sed povas akcepti la petojn nur de pagintaj kongresanoj.

**Fervojaj rabatoj :** La L. K. K. ricevis la jenan informon pri fervojaj rabatoj en Holando, Aŭstrujo kaj Ĉeĥoslovakujo :

Holando : Ne estos speciala rabato por kongresanoj, sed oni povos profiti la ordinaran someran malaltigon de la tarifo, kiu estas malpli alta ol la vintra je 25 %.

Aŭstrujo : Ne estos speciala persona rabato por kongresanoj, sed tamen estas specialaj rabatoj por karavanoj ; nome, 25 % por karavanoj kun almenaŭ ok partoprenantoj, kaj 33 1/3 % por karavanoj kun almenaŭ 52 partoprenantoj. Por detala informo skribu al la organizanto de la karavano kun kiu vi intencas vojaĝi, aŭ al la Internacia Esperanto-Muzeo, Neue Hofburg, Heldenplatz, Wien I.

Ĉeĥoslovakujo : La rabatiloj por la Ĉeĥoslovakaj Fervojoj, anoncitaj en la januara numero de la *Gazeto* kostos jene :

Tria klaso : 8 fr. (rabatilo, 3 fr. ; impostmarko, 0 fr. 50 ; afranko registrita, 4 fr. ; aliaj elspezoj, 0 fr. 50).

Dua klaso : 12 fr. (rabatilo, 6 fr. 75 ; impostmarko, 0 fr. 75 ; afranko registrita, 4 fr. ; aliaj elspezoj, 0 fr. 50).

**Ĉe-kursoj :** Por varbi novajn kongresanojn, la L. K. K. organizas Ĉe-kursojn en Parizo kaj aliloke en Francujo. Ĝis nun okazis tre sukcesaj kursoj en Parizo (Sorbonne, Ecole Normale de Sténotypie et Secrétariat, Ecole de Haut Enseignement Commercial pour Jeunes Filles, Agence Globe Trotter, Institut d'Optique) kaj en Strasbourg. Ĉi tiuj kursoj servas ne nur por varbi kongresanojn, ili ankaŭ estas bonega rimedo por vigligi la lokan movadon. Grup-sekretarioj kaj aliaj estas petataj komuniki kun la Prezidanto de la Komisiono por Instruado, s-ro Jean Marchand, 49, avenue de Verdun, Issy (Seine), por ricevi informon pri la organizado de tiaj kursoj.

---

## Donaca Kaso

Dua Listo

Transportita el la Unua Listo, Fr. 1.137,— ; Combet, 10 ; J. E. Solsona, 25 ; J. Rambousek, 22 ; R. Koerselmann, 10 ; E. Spielmann, 15 ; A. Schack, 30 ; K. Niŝimura, 200 ; s-ino M. C. Gillett, 144,25.

**Sumo, Fr. 1.593,25.**

---

## Subvencioj

Dua Listo

Transportita el la Unua Listo, Fr. 5.850,— ; Ĉambro de Komerco en Orléans, 100 ; Ĉambro de Komerco en Gap, 100 ; Ĉambro de Komerco en Arras, 100 ; Ĉambro de Komerco en Cholet, 100.

**Sumo, Fr. 6.250,—.**

---

## Blindula Kaso

Dua Listo

Transportita el la Unua Listo, Fr. 131,75 ; f-ino Staes-Vandervoorde, 30 ; A. Masselier, 250 ; Franca Asocio de Blindaj Esperantistoj, 250 ; F. Zamenhof, 141.

**Sumo, Fr. 802,75.**

# TRIA LISTO DE KONGRESANOJ

Kongres-numero

18. Gabriel Chavet, rue Gauthier-de-Châtillon 6, Lille (Nord), Francujo.
226. Narciso Bofill, Sindicato 188-I°, Palma de Mallorca, Balearaj Insuloj.
227. C. J. Keur, Hendrik de Keijserstr. 8, Utrecht, Holando.
228. B. Gonon, rue Victor-Hugo 101, Thiers (P.-de-D.), Francujo.
229. D-ro Stanislav Rosenstock, Boŝkoviceva 36, Zagreb, Jugoslavujo.
230. F-ino L. Senez, Ecole Supérieure de Filles, Bléneau (Yonne), Francujo.
231. G. Perrin, rue de Rome 8, Calais (P.-de-C.), Francujo.
232. Honoré Bourdelon, « Villa Denise », chemin de Montredon 108, Marseille (Bouches-du-Rhône), Francujo.
233. S-ino Paula Pirchan, Niederleutnerstr. 99, Waidhofen an der Thaya, Niederösterreich, Aŭstrujo.
234. François Birot, rue Meynadier 21, Paris-XIX, Francujo.
235. Georges de Cousmont, boulevard Auguste-Raynaud 60, Nice (A.-M.), Francujo.
236. René Gaston Delaunay, rue de Suresnes 23, Rueil-Malmaison (S.-et-O.), Francujo.
237. Jules Thiebault, rue Lepois 5, Nancy (M.-et-M.), Francujo.
238. Josep-Em. Solsona, rue Hallé 9, Paris-XIV, Francujo.
239. Lionel Chilard, rue Pierre-Bertin 4, Versailles (S.-et-O.), Francujo.
240. S-ino Louise E. Blacklock, Villa l'Oriana, Le Rayon d'Or, Saint-Raphael (Var), Francujo.
241. F-ino Marguerite L. G. Boisnard, rue Charles-Duguet 8, Creil (Oise), Francujo.
242. Alfred Rivier, rue Bab Azoun 11, Alger, Alĝerio.
243. Paul Larue, rue de l'Amiral Roussin 52, Paris-XV, Francujo.
244. André Baudet, boulevard de Courcelles 19, Paris-VIII, Francujo.
245. Jacques Louis Tenot, rue Marius-Aufan 58, Levallois-Perret (Seine), Francujo.
246. Jean Arthur Coudert, rue Caulaincourt 56, Paris-XVIII, Francujo.
247. Jean Bignie, avenue St-Denis 4, Courbevoie (Seine), Francujo.
248. Andreu Barcelo, José Villalonga 45, Palma de Mallorca, Balearaj Insuloj.
249. Miguel Ribas de Pina, San Mateo 11, Madrid, Hispanujo.
250. S-ino Mercedes Vives Ovell, San Mateo 11, Madrid, Hispanujo.

251. Frédéric HAEFELINGER, rue du Vieux-Pont 22, Rueil-Malmaison (S.-et-O.), Francujo.
252. F-ino Alice COLLEATTE, rue Le-Mongnier 17, Amiens (Somme), Francujo.
253. F-ino Jeanne DESMAREST, rue Périmony 8, Amiens (Somme), Francujo.
254. Jiri PERMAN, Tusarova 1266, Praha, Ĉeĥoslovakujo.
255. Gen. Jan RAMBOUSEK, Nová ulice 22, České Budějovice, Ĉeĥi, Ĉeĥoslovakujo.
256. Julien Eugène DEMOGUE, rue Carnot 1, Les Baraques (P.-de-C.), Francujo.
257. Arno W. PAUL, Greizerstrasse 73, Zeulenroda, Thüringen, Germanujo.
258. Friedrich WALTER, Wallstrasse 25, Solothurn, Svisujo.
259. R. KOERSELMAN, « Mia Hejmo », Voorst, Gelderland, Holando.
260. Abel PRIEUR, Palais de Justice, Ussel (Corrèze), Francujo.
261. Eduard SPIELMANN, Gesellschaftsstrasse 39, Bern, Svisujo.
262. Marcel D. DUPUIS, rue Maubeuge 95, Paris-IX, Francujo.
263. Robert BLOCH, Smichov 106, Praha, Ĉeĥoslovakujo.
264. Andreas SCHACK, Flurstrasse 9. II, Flensburg, Germanujo.
265. Henry COPPIN, avenue Aumont 7, Chantilly (Oise), Francujo.
266. Paul C. V. LEBRUN, Parliament Hill Mansions 5, Highgate Road, London N. W. 5, Anglujo.
267. Eugène SCHMITT, rue Mon-Désert 40, Nancy (M.-et-M.), Francujo.
268. Georges SAGET, rue St-Jacques 40, Elbeuf (Seine-Inf.), Francujo.
269. F-ino Eileen de B. DALY, Casa Rustica, Bordighera, Italujo.
270. D-ro Louis PONCET, rue de la Citadelle 5, Bourg-en-Bresse (Ain), Francujo.
271. F-ino Marthe RAMEAU, avenue Garibaldi 79, Limoges (Haute-Vienne), Francujo.
272. R. SAUFFRIGNON, avenue de Corbéra 12, Paris-XII, Francujo.
273. S-ino Elise MARTIN, rue de Flacé 43 bis, Mâcon (S.-et-L.), Francujo.
274. Auguste MARTIN, rue de Flacé 43 bis, Mâcon (S.-et-L.), Francujo.
275. Jean R. L. MARTIN, rue de Babylone 37, Paris-VII, Francujo.
276. Raoul BOURLIER, avenue Pasteur 26, Beauchamp (S.-et-O.), Francujo.
277. F-ino Gerarda DE WAART, Box 23, Hilversum, Holando.
278. Lawrence John KIERAN, rue Gioffredo 14, Nice (A.-M.), Francujo.
279. Raimond ROBERT DE MASSY, rue Serenne 7, Orléans (Loiret), Francujo.
280. H. INGHAM, Avondale Road 21, Chesterfield, Anglujo.
281. François SOUBRANNE, rue de la Barrière 74, Tulle (Corrèze), Francujo.
282. J. TELLING, Bellevoijsstraat 36, Rotterdam, Holando.
283. F-ino Maria KINSINGER, Annastrasse 6, St-Ingbert, Saar-teritorio.
284. F-ino Juliette TERRYN, Raapstraat 82, Gent, Belgujo.
285. Gerard DEBROUWÈRE, Marckesteenweg 18, Kortrijk, Belgujo.
286. Marcel-François MOULINAT, boulevard Garibaldi 36, Paris-XV, Francujo.
287. Jan KOSTECKI, rue de Rivoli 24, Paris-IV, Francujo.
288. Alexandre EXLERE, square Desnouettes 2, Paris-XV, Francujo.
289. Le MONITEUR OFFICIEL DU COMMERCE ET DE L'INDUSTRIE, avenue Victor-Emmanuel III 22, Paris-VIII, Francujo.
290. M. LEBOUCHER, rue d'Acuesseau 7, Limoges (Haute-Vienne), Francujo.
291. J. RAVESTEIN Jr., Acaciastraat 36, 's-Gravenhage, Holando.
292. S-ino J. M. RAVESTEIN, Acaciastraat 36, 's-Gravenhage, Holando.
293. Jean GUILLAUME, rue Palestro 33, Paris-II, Francujo.
294. E. BOREL, quai C. Bernard 1, Lyon (Rhône), Francujo.
295. S-ino M. BOREL, quai C. Bernard 1, Lyon (Rhône), Francujo.
296. F-ino Cécile PRAL, Vaugneray (Rhône), Francujo.
297. F-ino Alice PRAL, Vaugneray (Rhône), Francujo.
298. Félicien BARONNET, Buxières-d'Aillac, par Neuvy-St-Sépulcre (Indre), Francujo.
299. Yvonne CHAVET, rue Gauthier-de-Châtillon 6, Lille (Nord), Francujo.
300. Koogecu NIŜIMURA, rue Félix-Faure 1, Paris-XV, Francujo.
301. Vasil M. ŜIŜKOV, rue Félix-Faure 1, Paris-XV, Francujo.
302. Pierre DEJEAN, cours Jean-Jaurès 289, Grenoble (Isère), Francujo.
303. S-ino Mary C. GILLETT, Oxford Road 33, Banbury, Oxon., Anglujo.
304. Hans SIEVERS, Neuer Weg 1, Braunschweig, Germanujo.
305. Pierre MARLY, rue Adrien-Bayssellance 11, Bordeaux (Gironde), Francujo.
306. Wilhelmus BAATEN, Oudegracht 276 Tz., Utrecht, Holando.

**Laŭlanda Statistiko :** Alĝerio, 1 ; Aŭstrujo, 1 ; Belgujo, 17 ; Ĉeĥoslovakujo, 5 ; Francujo, 137 ; Germanujo, 7 ; Granda Britujo, 19 ; Hispanujo, 6 ; Holando, 9 ; Italujo, 4 ; Jugoslavujo, 1 ; Polujo, 9 ; Rumanujo, 1 ; Saar-teritorio, 1 ; Svedujo, 3 ; Svisujo, 2.

**Entute, 223 kongresanoj el 16 landoj.**

L. N. NEWELL,
*Generala Sekretario de la L. K. K.*

## Ĉu vi fumas, sinjoro?

Ankaŭ multaj sinjorinoj nun ŝatas fumi, sed ilin malpli interesos tiuj ĉi sciigoj pri aĉetado de tabako en Parizo, ĉar ĝenerale troviĝas ĉiam iu ĝentila samideano, kiu volonte prezentos al ili sian cigaredujon. Sed baldaŭ la ĝentila samideano konstatos, ke lia tuta provizo estas elĉerpita, tiom pli, ke la francaj doganistoj ĉe la landlimo estas tre severaj koncerne tabakon. Ĉiu vojaĝanto rajtas kunporti nur minimuman kvanton, principe nur tiom, kiom oni normale povas bezoni dum la vojaĝo.

En Francujo la tabakvendado estas ŝtata monopolo. La tabakvendejoj en Parizo estas facile rekoneblaj. Super ilia pordo troviĝas kiel speciala insigno granda, ruĝa, strangforma lanterno, iom karotaspekta. Plejofte tiuj butikoj estas samtempe kafejoj.

La franca tabako estas sufiĉe akragusta. Komence eksterlandanoj ĝin ne ŝatas, sed tre rapide oni povas alkutimiĝi. La plej malforta speco estas la « verda », tiel nomata laŭ koloro de l' pakajo (piptabako kaj cigaredoj). Por aĉeti sufiĉas diri : *Cigarettes vertes* (pron. sigaret' vert) aŭ *tabac vert* (pron. taba' ver). Tiu verda tabako estas grandparte sennikotinigita. Iom pli forta estas la « flava » tabako : *Cigarettes jaunes* aŭ *tabac jaune* (pron. ĵon). Supera speco de tiu ĉi tabako estas la cigaredoj *Gitanes Maryland* (pron. ĵitan' marilan'), ankaŭ pli elegante prezentitaj. Plej forta estas la « blua » (pron. blö).

Krome, aŭtentikaj pipfumantoj ĝenerale preferas la « grizan » tabakon, kiu samtempe estas la plej malkara (fr. 2,50 po 50 gramoj). Ekzistas plue sennombraj specoj de tiel nomataj « fantaziaj » cigaredoj, kiuj pli aŭ malpli similas la anglan kaj usonan tabakojn. Ĉar ili estas fabrikitaj en Francujo mem, ili estas relative malmultekostaj.

Cigaroj : la francaj cigaroj estas fumeblaj de ĉiuj amatoroj, kaj jam por 50 centimoj oni ricevas bonan markon *Voltigeur* (pron. voltiĵör').

En la ĉefaj tabakvendejoj, tre ofte luksaj magazenoj, oni povas aĉeti ĉiujn plej konatajn eksterlandajn markojn, precipe en la centra magazeno « La Civette », ĉe la Place du Palais-Royal. Kompreneble, pro la ŝtataj impostoj, tiuj eksterlandaj tabakoj estas tre multekostaj.

Same oni povas tre facile aĉeti diversajn specojn de flar- kaj maĉtabako. Bedaŭrinde ni ne estas kompetentaj pri tiuj specialajoj kaj tial ne donos konsilojn.

Alumetojn oni aĉetas en ĉiuj tabakvendejoj. La malgranda poŝskatolo kostas nuntempe 40 centimojn — *boîte d'allumettes* (pron. bŭat' d'alûmet').



## « Fluctuat nec mergitur »...

Ĝi naĝas, ne dronas : Espera devizo de la urbo Parizo, kiu venke travivadis tiom da danĝeraj krizoj. Ĉu ne same konvenas la simbolo kaj devizo al la Esperanto-movado ?

Dum ĝia ĝisnuna historio ja ne mankis krizoj kaj pere-danĝeroj. La plej grava ĝin minacis tiam, kiam nia ŝipo unuafoje albordiĝis al la gastama haveno pariza, preta inde festi la « Dekan ».




Kvar jarojn furiozis la terura uragano. La ventegoj ne nur « velkintajn foliojn deŝiris », sed disŝiris la tutan velaron kaj mastojn frakasis, dum la ondegoj rompis la direktilon kaj bravajn maristojn forprenis, dum la gvidanto kun rompita koro mortis en doloro. Tamen, ŝipo « Esperanto » firme sin tenadis sur la frenezega maro.

De tiam, se malpli akra, ne sendanĝera daŭras kriza tempo. Daŭre skuadate spitas ventojn kaj ondegojn la reekipita ŝipo. Kaj ĉi jare, sur la malkvieta maro, meze de malfacila cirkonstancaro, en kiu baraktas tutmondo, ree celas ĝi tutvele al Parizo, enportante nian esperon.

Ĝi ja ne pereis, — ĝi naĝos plu kaj plu.

Raymond Laval.

# Kongresa Babilado

Oni kalkulis, ke ĉiu kongresano babilas kvinoble pli multe dum la Kongresa semajno, ol dum tri jaroj de normala vivado. Do, por ke ne manku ekzerco al kongresontoj, la ĉefredaktoro ordonis al mi babili tie ĉi. Obeeme, mi babilas; sed ne pro tio preterpasu ĉi tiun rubrikon facilanime, ĉar mi babilos ankaŭ pri gravaj aferoj kiuj tuŝas la feliĉon kaj komforton de ĉiuj kongresemaj Esperantistoj.

* * *

Unue, pri bela festo. Ĉiuj vizitantoj al Parizo konas la grandan magazenon «Galeries Lafayette». La direktoroj de tiu Meko de la virinoj interesiĝas pri Esperanto, kaj promesis gastigi ĉiujn kongresanojn; la L. K. K. aranĝas kun ili senpagan temanĝon en la restoracio de la magazeno. En festo decas festeno; mi konsilas al ĉiuj, ke ili marku per granda ruĝa kruco sur siaj planoj de Parizo la lokon de «Galeries Lafayette».

* * *

Post la sukceso de la Ĉe-kursoj en Parizo, oni preskaŭ ne plu parolas Esperanton: nur Ĉesperanton. Lastan decembron venis nia simpatia estona samideanino, f-ino Elinjo Pähn, por instrui en Parizo kaj Strasbourg; bedaŭrinde ŝi devis forvojaĝi komence de marto por fari kursojn en Svedujo. Ŝiaj kursoj estis tre sukcesaj, kaj pri ŝi la parizanoj konservas tre agrablajn memorojn; efektive, ĉe ili restas nur unu malgaja penso: ili longe provis konvinki f-inon Pähn pri la meritoj de la francaj aperitivoj, sed ŝi restis ĉiam fidela al sia preferata limonado.

* * *

Speciale feliĉa pri ŝia vizito estas la Ĝenerala Sekretario de la L. K. K. En unu el siaj kursoj ŝi nomis lin ŝia krokodilo, kaj post tiam li estas tiel fiera, ke la Prezidanto apenaŭ kuraĝas paroli al li. Li eĉ volas pretendi, ke la socia rango de kursa krokodilo estas pli alta ol tiu de kursa aparato, kiun rolon tre sukcese plenumis s-ro Marchand, la Help-Sekretario. Oni diris al mi, ke tiuj samideanoj intencas meti la demandon sur la tagordon de la Kongreso. Sed ĝis nun neniu el ili pretendas al la rango de kursa azeno. Tion ili lasas al nia simpatia amiko....

* * *

Kaj post f-ino Pähn, venis nia fama poeto kaj propagandisto, s-ro Julio Baghy, por daŭrigi ŝian bonan laboron. Jam dum la unua vespero li preskaŭ malesperigis la parizajn samideanojn, kiuj regule babilas en kafejo Cluny post la grupkunveno en la Sorbonne: li mendis glason da lakto (afero jam sufiĉe konsterna), kaj metis en ĝin tri pecojn da butero! Kiam la ĉeestantoj sukcesis regi siajn emociojn, li klarigis, ke tion rekomendis al li fama kuracisto por la bonfarto de lia interno. Sed Parizo havas mirigan kuracan efikon, kaj jam la proksiman tagon, s-ro Baghy mendis honestan glason da Munĥena biero en la sama kafejo, kaj trankvile fumis grandan pipon plenan je franca tabako. Do, la ĉeestantoj ree konvinkiĝis, ke li estas leginda aŭtoro.

* * *

La L. K. K. prave konkludis, ke estas iom ĝene sin gvidi en fremda urbo per marista kompaso kaj sekstanto; sekve, ili decidis donaci al ĉiu kongresano gvidlibron pri Parizo, en Esperanto, kun granda plano. Oni komprenos, ke la preparo de tia verko estas tre peza tasko, kaj la kongresanoj ŝuldas koran dankon al s-ro Léon Belhoste, kaj al lia helpanto, s-ro Doué, kiuj sinofere entreprenis ĝin. Tiuj sinjoroj havas tute specialan scion pri sia urbo, kaj kongresano, kiu perdos sin en Parizo, havos nenian senkulpigon.

Eleno Vinfero.

# Parizaj Stratdialogoj

Pri la parizaj stratdialogoj (tio estas konversacio, kiu subite komenciĝas sur la strato inter du nekonatuloj) oni havas en eksterlando tro ofte nur neĝustan opinion.

Niaj anglaj amikoj ja facile koncedas, ke la francoj havas 72 diversajn manierojn kuiri terpomojn, sed ili volonte suspektas, ke pariza stratdialogo povas turniĝi nur ĉirkaŭ unu sola akso kaj povas okazi nur inter tiuj du, preskaŭ klasikaj partoprenantoj: la entreprenema sinjoro, — la nehermetika fraŭlino. Kaj malgraŭ diverseco de l' kliŝoj (verŝajne estas pli ol 72), laŭ ilia opinio ĉiu stratkonversacio esence resumiĝas jene:

La sinjoro, kiu de kelka tempo sekvis fraŭlinon, fine kuraĝas alparoli ŝin: « Ĉu vi permesas, fraŭlino, ke mi montru al vi la vojon? »

La fraŭlino, kiu ne timas la lupon: « Sed, sinjoro, vi ja tute ne scias, kien mi iras. »

La sinjoro: « Negrave, ĉarma anĝelo, eĉ se vi irus ĝis fino de l' mondo, mi plezure akompanus vin. »

La fraŭlino: « Vi estas flatemulo kaj sendube ne pensas, kion vi diras. »

La sinjoro: « Kiel? Ĉu vi ne kredas je mia sincereco? Ĉu ni provu? »

Kaj ili provas....

* * *

Fantaziaĵo! — La realeco estas tute alia. Laŭ tre serioza statistiko, kiun ni starigis plej science sur bazo de l' metra sistemo, oni povas klasifiki la parizajn stratdialogojn jenmaniere:

| | |
|---|---|
| Disputoj inter policanoj kaj aŭtomobilistoj, kiuj diversmaniere interpretas la stratkodon. . . . . . . . | 40 % |
| Interŝanĝo de benvortoj inter konkurantaj droŝkistoj. . . . . . . . . | 35 % |
| Informpetoj pri stratoj, k. t. p., ĉe dejorantaj policanoj. . . . . . . | 20 % |
| Riproĉparoloj de personoj sidantaj sur kafeja stratteraso al hundoj, kiuj kondutis iom tro hunde kontraŭ iliaj pantalonoj. . . . . . . . . . . . . (En tiu ĉi okazo la dialogo estas ĉefe unuflanka.) | 3 % |
| Interkonatiĝoj, kiuj celas atencon kontraŭ la paragrafo 6-a de l'Dekalogo. | 1 % |
| Ĝojaj ekkrioj de Esperantisto, kiu renkontas verdan stelon en fremda butontruo . . . . . . . . . . . . . . (Tiu ĉi statistiko estis farata dum pactempo, ne dum la Kongreso!!) | 0,80 % |
| Diversaĵoj. . . . . . . . . . . . | 0,20 % |

Nun ni aldonas nenion. La ciferoj parolas elokvente.

Jules Laribois.

# ANGULO DE ESPERANTUJO

La institucioj de Esperantujo kreskis kaj malkreskis, aperis kaj ŝanĝiĝis kaj mortis; kaj estas nur tre malmultaj, kiuj laboris dum multaj jaroj seninterrompe, konstruante fortan kaj longan tradicion. Inter la plej malnovaj nun ekzistantaj, unu el la plej famaj estas la Centra Presejo Esperantista en Parizo.

Tiu presejo havas longan kaj interesan historion, kiu estas parto de la historio de Esperanto mem.

Tiu historio komenciĝas en 1904, kiam oni fondis en Parizo (33, rue Lacépède), sub la nomo Presa Esperantista Societo, eldonan entreprenon dediĉatan al laboro por kaj per Esperanto. La iniciatintoj estis prof. Th. Cart, d-ro Paul Fruictier, s-ro Paul de Lengyel kaj kelkaj aliaj sindonemaj Esperantistoj.

Ĉe la komenco unu el la ĉefaj taskoj estis la eldonado de *Lingvo Internacia*, tiu fama organo, kiu dum multaj jaroj batalis, — kelkfoje preskaŭ sola, — por la fundamenta Esperanto de Zamenhof, sub la direktado de prof. Th. Cart kaj d-ro Pierre Corret. Dume, s-roj Charles Verax kaj Louis Warnier (kies filo nun estas la Prezidanto de la L. K. K. de la XXIV-a), kun la sindona helpo de f-ino Cécile Royer, tre kapable gvidis la aferojn de la Societo.

Per la entuziasmo kaj lerteco de la kunlaborantoj, la Societo atingis tre altan nivelon en siaj eldonaĵoj, kaj baldaŭ famiĝis inter la tutmonda Esperantistaro. Ĉiam, de tiu tempo ĝis nun, ĝi restis fidela al la klasika, fundamenta lingvo.

Baldaŭ ĝi fariĝis kvazaŭ pilgrimejo por vizitantoj al Parizo, kaj oni bonvenigis tre multajn eminentajn kaj simplajn, sed same entuziasmajn Esperantistojn en la presejo ĉe 33, rue Lacépède.

Nia Majstro d-ro Zamenhof mem, okaze de la Unua Kongreso en 1905, honoris la Societon per vizito; li varme gratulis pri la bonega laboro farita, kaj enskribis en la Oran Libron : « Vivu Esperanto kaj la batalantoj por ĝi. »

La entrepreno prosperis kaj kreskis, kaj en 1908 estis necese dividi la laboron. La Presa Societo restis eldona entrepreno, kaj la presejon transprenis ĝia dekomenca kunlaboranto, s-ro Victor Polgar, kiu ankoraŭ nun estas ĝia estro. Sub la titolo Centra Presejo Esperantista la nova entrepreno, kun la helpo kaj konsiloj de prof. Cart, daŭrigis la jam faman tradicion; ĝin konas ĉiu Esperantisto pro ĝiaj korektaj kaj bele presitaj eldonaĵoj.

En tiu tempo la kunlaboristaro estis tute internacia: anglo, franco, germano, hispano, hungaro, italo, kataluno, polo, ruso, svedo, ĉiuj kune laboris; kaj la sola ebla lingvo, eĉ por la pure teknikaj aferoj, estis Esperanto.

Estas interese noti, ke unu el tiuj kunlaboristoj, la kataluno, s-ro Solsona, poste fondis sian propran Esperantan presejon en Parizo; li eldonis kaj ankoraŭ eldonas gravajn kaj belajn verkojn en nia lingvo.

La internacieco de la laboristaro en la Centra Presejo Esperantista baldaŭ diskoniĝis, kaj skeptikaj ĵurnalistoj ofte vizitis la presejon por kontroli la verecon. Ili tuj konvinkiĝis, kaj poste oni povis legi en la ĵurnaloj artikolojn pri « la miraklo de la vivanta lingvo de d-ro Zamenhof. »

La uzado de Esperanto fariĝis por la laboristoj tute natura afero. Unu tagon prof. Cart alvenis en la presejo en momento kiam ili interdisputis kaj eĉ interinsultis — kompreneble en Esperanto. Prof. Cart aŭskultis kelkajn momentojn; tiam feliĉa rideto aperis sur lia vizaĝo, kaj li ekkriis : « Ni ĝoju ! ĉar jen *pruvo*, ke vere vivas nia lingvo ! »

La milito interrompis la laboradon de la Presejo. Sed poste ĝi kuraĝe ree eklaboris por la movado, tiom vigle kiom antaŭe.

La 21-an de majo 1931 mortis prof. Cart, la plej valora kaj malnova helpanto kaj konsilanto de la Presejo; plej terura bato por tiu entrepreno kaj por la tuta movado.

Je tiu funebra okazo la Presejo eldonis, memore de prof. Cart, folieton, sur kiu estas montrita parto de ĝia poresperanta laboro : listo (tute ne kompleta) de libroj kaj gazetoj tie eldonitaj, kiu elokvente parolas pri silenta, persista, valorega laboro de kelkaj entuziasmuloj, kiuj tre efike « fosis sian sulkon ».

(*Daŭrigata sur p. 40.*)

# REORGANIZADO

*(Fino.)*

KION bezonas nia movado por kontentige prosperi?

1) Reorganizadon laŭ principoj, ebligantaj la racian kaj demokratian disvolviĝon de ĉiuj moralaj fortoj, troviĝantaj en la movado. 2) Centran gvidadon por la *ĝenerala* movado. 3) Organizan kapitalon en la Centra Kaso de la Movado por akceli la plenumadon de la akceptita programo. 4) Parlamentan Kongreson kun respondeca I. C. K., formanta ĝian plenuman komitaton. 5) Propagandon, sisteme faratan por la ekstermovadaj medioj kaj por la interna solidiĝo kaj grandskala evoluo. 6) Aranĝon de Internacia Semajno Esperantista kun la tradicia nomo Universala Esperanto-Kongreso. 7) Starigon de Ekzamenaj Komitatoj en ĉiu lando kaj dum la Int. Sem. Esp. laŭ unuecaj plano kaj regularo de la Esp. Akademio kaj Lingva Komitato. 8) Oficialigon de ĉiu grava Esp. organizaĵo, celanta la ĝeneralan kulturevoluon de la movado, tamen por ne trokateni ĉiu tia organizaĵo havu certagradan aŭtonomion. 9) Fondadon de kulturinstitucioj, subtenon de ĝenerale utilaj kulturentreprenoj. 10) Movadon, kiu estu konsiderata de ĉiu kulturhomo ne kiel kuriozaĵo, sed kiel *absolute necesa vivelemento* por la socia vivo.

Kiamaniere atingi la deziratan rezulton? Jen laŭ la supraj punktoj:

1) Difini la idean bazon de la *ĝenerala* movado, eduki celkonsciajn gvidantojn kaj lokigi ilin laŭ bezono kaj laŭ kapabloj, esti konstante en kontakto kun la Esperantistaro.

2) Kvinmembra I. C. K.: Prezidanto kaj kvar Fakestroj por la fakoj: organiza, propaganda, kleriga kaj financa. Ĉiu Fakestro havas sian Referanton en ĉiu landa kaj grava Esp. organizaĵo. Tiamaniere I. C. K. povas pli facile kaj pli sisteme plenumi la programon, kies plenumon transdonis la Parlamenta Kong. al ĝi. La membrojn de I. C. K. elektas la P. K. en ĉiu tria jaro. La membroj de la I. C. K. havas certan honorarion. Ili havas centran oficejon, kiel nun, kun oficistoj.

3) La organizan kapitalon I. C. K. akiras per la enkonduko de la Balotlegitimilo kaj Kvitanco pri sv. fr. 0.50, pagata kiel ĉiujara kulturimposto de ĉiu Esperantisto. Ĉi tiun balotlegitimilon oni vendas en ĉiu societo kaj en ĉiu kurso, aranĝita por komencantoj. La legitimilo sola rajtigas elekti deputiton al la P. Kong. (Ideo de s-ro Lejzerowicz.)

Starigo de ŝparkas-urnetoj en ĉiu societo por la Kulturfondo. La surskribo: *Obolo de Zamenhof.* La enhavo de tiuj kasoj koncernas nur la internan kulturevoluon. Procentaĵo el la kotizoj, pagitaj al la Ekzamenaj Komisionoj. Enkonduko de 1 °/₀-a akcizo laŭ la spezo de la Esp. komercistaj entreprenoj. Mondonacoj. Procentaĵo el la kotizoj, pagitaj al la Univ. Esp. Kongreso.

4) Parlamenta Kongreso okazas en ĉiu tria jaro. La deputitojn elektas la legitimilposedantoj laŭ difinita plano. Ĉiun kongresan elspezon pagas la kaso de la I. C. K. (Detale en la broŝuro!)

5) Duspeca propagando: interna kaj ekstera. Precipe ĉe la unua ni bezonas la agadon de U. E. A. por krei praktikajn servojn. Al la dua punkto apartenas la konsiderinda propono de s-ro d-ro Medrkiewicz.

6) La Universala Esp. Kongreso havas nur demonstracian signifon, sed kiel nepre konservinda aranĝaĵo ĝi ne estas forigebla.

7) La Akademio kaj Lingva Komitato havas la taskon fondi ekzamenajn komisionojn en ĉiu lando por la unua- kaj duagrada ekzamenoj kaj ĉiujare unufoje en la kongresurbo starigi komisionon por la triagrada (profesora) ekzameno.

8) Al tiu ĉi punkto apartenas unuavice la Internacia Cseh-Instituto, Int. Muzeo k. s. organizaĵoj.

9) Per la « Obolo de Zamenhof » fondi kaj finance subteni Esp. Universitaton, kies fakoj science kaj el altaj vidpunktoj de la socia vivo pritraktas, instruas, edukas por la movado celkonsciajn, eminente klerajn gvidantojn.

Kiom estas la financa minimumo, pri kiu la movado povus disponi? Mi faris tute *pesimistan* kalkulon por la unua *trijara* periodo. Jen:

*Enspezoj:*

| | |
|---|---|
| Balotlegitimiloj . . . . . sv. fr. | 150.000 |
| « Obolo de Zamenhof » . . . . . | 65.000 |
| 1 °/₀-a imposto por eldonistoj kaj komercistoj. . . . . . . . . . | 18.000 |
| Univer. Esp. Kongresoj . . . . . | 8.000 |
| Sume por I. C. K. sv. fr. | 241.000 |

*Elspezoj:*

| | |
|---|---|
| I. C. K. (salajroj, honorarioj, administrado) . . . . . . sv. fr. | 75.000 |
| Balotado kaj Parlamenta Kong. . | 25.000 |
| Sume sv. fr. | 100.000 |

Por la buĝeto de la diversaj fakoj restas do sv. fr. 141.000. Por komenci kaj krei ion sisteme ĝi estas sufiĉe alta sumo.

La forlaso de la detaloj malebligis doni klaran bildon pri la laŭgrada enkonduko de la reformoj kaj pri la supozata funkcio de la renovigita organizo. Interesiĝantoj turnu sin al la broŝureto.

Mi konscias pri tio, ke por renovigi la organizon de nia movado unu sola persono ne havas sufiĉan forton, nek la necesan konon, kaj pro tio mi insiste petas la Esperantistaron kaj ĝiajn nunajn gvidantojn, ke ili kune eklaboru, por ke fine ni povu havi la esperon, ke la stagnado ne daŭros eterne. En konsento ni faru prudentajn reformojn — se la plimulto same opinias kiel mi — sed ni ne faru tro radikalan ŝanĝon, ĉar ĝi povos efiki kiel la japana *harakiri*.

JULIO BAGHY.

# NI BABILADU PRI PARIZO

Ni revenu en la korton de la Palaco. Sur la kontraŭa flanko de la strato « de la Barelistoj », nun *Boulevard du Palais* (bulvardo de l'Palaco), precize kie staras nun la Komerca Juĝejo, estis iam preĝejo « Sankta Barthélemy ». La 14-an de julio 1560 iu Johano Petit ŝtelis la sanktan hostivazon de tiu preĝejo. Tuj arestita li estis. Oni lin trairigis la straton, kondukis antaŭ « Sinjoroj la Juĝistoj », kiuj kondamnis lin esti pendigata kaj bruligata. La mortpuno efektiviĝis la saman tagon, en tiu korto mem, de kiu suprengrimpas la ŝtuparego al la Juĝejo. Tie supre ni povus trovi certan ĉambregon, kiu estis iam la « Granda Ĉambro » de Pariza *Parlement* (XV-a jarcento). En tiu ĉambrego, reĝo Francisko I (XVI-a jc.) prezidis tiujn kunvenojn nomitajn *Lit de Justice*.

Dum la Revolucio, tie estis « Revolucia Juĝejo ». En tiu ĉambrego, la 14-an de oktobro 1793, reĝino Marie-Antoinette estis juĝadata ... dum 24 horoj kaj fine kondamnata je gilotina senkapigo.

La morgaŭan tagon ŝi eliris el la Palaco tra krado, kiu fermis la tiaman solan elirejon de la malliberejo, kaj estis veturile kondukata al la gilotinejo, nia nuna *Place de la Concorde* (placo de la Konkordo). Tiu elirejo kaj la ĉambro kie sin tenis la registristo, aliformiĝis je la nuna *Buvette* (trinkejo). Vi vidu ĝin dekstre de la granda ŝtuparo.

Ni lasu tiun korton nomitan Korto de l'Maja (maja arbo). Oni nomis ĝin tiel, ĉar dum mezepokaj jarcentoj la studentoj de l'Universitato alportis kaj starigis tie unu el la tri kverkoj, kiujn ili rajtis elhaki el la reĝaj arbaroj, la 1-an de majo.



LA PALACO DE JUSTECO

Ni aliru la apudan korton, kie staras la mirinda *Sainte-Chapelle* (Sankta Kapelo).

Antaŭe estis sur tiu korto la fasado de malgranda kapelo, kies horeja fundo staris sur la bordo de strato de la *Barillerie* (nun bulvardo de l'Palaco), kaj en kiu oni baptis la 22-an de aŭgusto 1165 reĝon Philippe-Auguste. Tiu kapeleto nomiĝis « Sankta-Miĥaelo ». Jen kial la tute apuda ponto havas nun tiun nomon.

Sed ni okupiĝu pri tiu eleganta monumento, kiu estas fama sub la nomo « Sankta Kapelo ». Dum la jaro 1022, reĝo Robert, kiu havis sur sia ĉapelo oran stelon por pruvi, ke li estas kondukita de Dio al reĝeco, same kiel la tri persaj reĝoj al Jesu-Kristo estis kon-

dukitaj pere de mirakla stelo, konstruigis tie kapeleton, kiun li nomis « Nia Sinjorino de l'stelo ».

Kiam la konstantinopla imperiestro Beaudoin II estis doninta al reĝo Ludoviko IX (Sankta Ludoviko) la sanktan dornokronon, tiu ĉi portis ĝin en ĉefpreĝejon. Sed Beaudoin vendis plue aliajn relikvojn : pecon de la vera Kruco, la ferpinton de la lanco enpikinta Kriston, la spongon, la kanon, la purpuran mantelon de la Krista turmentado. Por ŝirmi tiajn trezorojn, Sankta Ludoviko konstruigis ĉi tiun belegan kapelon de Pierre de Montereau. Tiu ĉi bezonis nur tri jarojn por elkonstrui ĝin.

tiel delikataj, ke oni demandas sin, kio subportas la plafonan arkaĵon. Ĉe la fundo, jen la altaro kaj ĝia alta platloko ĝis kiu kondukas du ŝtuparetoj (la norda datumas de la tempo de Sankta Ludoviko). De tiu platloko la reĝo montris al la ĉeestantoj en la kapelo kaj malantaŭe, tra speciala senkolora vitraĵo, al la homoj starantaj en la korto, la sanktan dornkronon.

Antaŭ ol foriri ni rigardu kontraŭ la altaro la superpordan rondan fenestregon. Sed kio estas tiu stranga flanka fenestro ? Tio estas preĝoĉambreto konstruita por la malfidema Ludoviko XI (XV-a jarcento). De tiu ĉambreto li povis vidi la



LA NUNA PLACO DE KONKORDO

Ĉar la Palaco konsistis el du etaĝoj : teretaĝo por magazenoj, kuirejoj, gardistejoj, k.t.p., kaj sur-etaĝo, kiu enhavis la reĝan ĉambregaron, Pierre de Montereau konstruis duetaĝan kapelon. La malalta kapelo estis por la popolo, la servistoj, la gardistoj. La alta estis rezervata al la reĝo kaj liaj familioj kaj korteganoj. Ni vizitu ambaŭ kapelojn konsekritajn la 25-an de aprilo 1248.

Por ke la malsupra ne havu tute la aspekton de kripto, la konstruinto maskis ĝian malaltecon, apogante la arkaĵojn sur dekkvar kolonoj lokitaj iom antaŭe de la muroj. Tiamaniere la navo estas malpli larĝa kaj ŝajnas do malpli altecmanka.

La supra kapelo estas rimarkinda pro siaj vitraĵoj kaj siaj delikataj kolonoj, diservanton, restante nevidate de la ĉeestantoj.

Ni nun forlasu la Palacon kaj, lasante maldekstre ĝian nordan fasadon, ni vidas la malnovajn rimarkindajn domojn meze de kiu kuŝas *Place Dauphine*.

Ni nun estas sur la okcidenta ekstremaĵo de la insulo, kie antaŭe estis insuleto nun kunigita al insulo *La Cité*. Sur tiu insuleto nomita « de l'transŝipisto de la bovinoj» (*Ilôt du passeur aux vaches*) oni bruligis, la 11-an de marto 1314, Jacques de Molay, supera estro de la «Templaj» religiuloj ; kaj Guy, monaĥestro por Normandio. Ni vidas la du partojn de la *Pont Neuf* (Nova Ponto). Ĝian unuan ŝtonon lokis reĝo Ludoviko III, la 31-an de majo 1578. Tiu ponto estis la plej gaja el la tiamaj pa-

rizaj pontoj. Oni certigis, dum la XVII-a jarcento, ke oni ne povas trapasi ĝin, ne renkontinte unu monaĥon, unu blankan ĉevalon kaj du afablajn virinojn. Se nun



LA CONCIERGERIE

vi ne facile renkontos tie samtempe monaĥon kaj blankan ĉevalon, tamen, vi certe renkontos pli ol du afablajn parizaninojn.

*(Daŭrigota.)*

ELBE.

## ANGULO DE ESPERANTUJO

*(Daŭrigata de p. 36.)*

La Esperantistoj tutmondaj tiuokaze esprimis sian dankon kaj admiron ; s-ro V. Polgar ricevis el ĉiuj landoj varmajn gratulojn pri « la giganta laboro de li farita por la bono de Esperanto », kaj bondezirojn por la estonteco.

Por ke Esperanto triumfu, ni devas pruvi ĝin kultura lingvo ; kaj en tiu klopodo ni ŝuldas al niaj presistoj multe pli ol ni ĝenerale konscias. En tiu kultura laboro nia samideano Polgar havas unu el la plej honorindaj lokoj. Sed li estas pli ol presisto ; tre multaj el niaj aŭtoroj, kiuj presigis siajn verkojn ĉe li, konstatis, ke li estas valora konsilanto, kaj profitis lian sperton ankaŭ en aliaj aferoj, krom la presarto.

La Centra Presejo Esperantista troviĝas en la Latina Kvartalo, tri minutojn for de la Kongresejo. Estas certe, ke tre multaj kongresanoj deziros viziti tiun nepretendeman entreprenon kaj esprimi siajn gratulojn al la plej fame konata presejo de Esperantujo.

ELENO VINFERO.

## Kuriero de la Kongreso

*Multaj demandoj, kiujn ni ricevas, interesas ĉiujn kongresanojn. Tial ni lasis tie ĉi angulon, kie la Kongresa Kuriero, nia amiko Jean Marchand, provos kontentigi la scivolemon de aliĝintoj kaj aliĝemuloj.*

S-ro F. W., N° 258 (Svislando) : 1) Ni bone ricevis vian aliĝilon pro kio ni dankas. 2) Ĉiujn dokumentojn vi ricevos iliatempe. 3) Bedaŭrinde, ni ne povas permesi, ke la aliĝintoj vendu sian kongres-karton okaze de neeblo ĉeesti la Kongreson.

J. M.

### Anoncetoj

*Kongresanoj kaj aliaj, kiuj deziras trovi korespondanton, povas publikigi anonceton sub tiu ĉi rubriko. La prezo estas unu franka franko por ĉiu linio (el sep vortoj) aŭ parto de linio.*

S-ro W. M. KJELLMAN, kongresano N° 108 (adreso : Uddevalla, Svedujo), deziras korespondi kun geparizanoj.



Centra Presejo Esperantista (V. POLGAR), 33, rue Lacépède, Paris — *Le Gérant :* RAYMOND SCHWARTZ.